# BEL informas

Liga Brazileira de Esperanto

Redaktas: Paulo Sergio Viana, aŭgusto 2007

psviana@terra.com.br

## PROGRAMO "PAROLU MONDO!"

Je la 29h/07 kaj 5h/08 Radio Boa Nova, per la programo "Parolu mondo!" elsendis intervjuon kun la Vic-prezidanto de BEL. Lucas Yassumura (SP), kiu tre kompetente produktas kaj gvidas la programon, demandis pri la planoj de la nova estraro de BEL kaj emfaze disponigis sian radiprogramon kiel kanalon por komunikado kun la membraro de nia asocio. Nepre aŭskultu la bonegajn programojn (du trionojn en Esperanto!) per la reto: "parolumondo.com"

## KONKURSO "BEJO-ATAĴEO" PLU OKAZOS

Felipe Queiroz, Prezidanto de Brazila Esperantista Junulara Organizo (BEJO) informas, ke la konkurso dediĉita al gejunuloj plu okazos en 2008. Grava kaj sukcesa iniciato de la antaŭa Estrado de BEL, la konkurso atingis internacian reeĥon. La celo estas instigi junan brazilanon vojaĝprelegi eksterlande por spertiĝi en la movado kaj samtempe disvastigi brazilan kulturon. Por tio, kandidatoj devas prezenti (skribe kaj parole) eseon juĝotan de komisiono. Pliajn informojn legu en http://bejo.esperanto.org.br.

## BEL-KONFERENCOJ PREPARATAJ

Nova iniciato de la nova estraro de BEL okazos en la karnavalo 2008. Por helpi la Esperantistaron plialtigi sian lingvo- kaj kulturnivelon, oni okazigos serion da altnivelaj prelegoj fare de eminentaj Esperantistoj. La unua "BEL-Konferencoj" okazos en Lorena/SP, la 3an kaj 4an de februaro, se enskribiĝos almenaŭ dudeko da interesitoj. Se vi intencas ĉeesti, tuj anoncu tion al *psviana@terra.com.br* . Oni planas eldoni kajeron kun la tekstoj de ĉiuj prelegoj, por sendo al ĉiuj BEL-membroj.

## KONGRESO DE EASP

La estraro de Esperanto Asocio de SanPaŭlo invitas al sia ŝtata kongreso en oktobro 2007, en la bela urbo Ribeirão Preto. La programo estas riĉa: prelegoj, debatoj, ekspozicioj, librovendejo, amika kunvivado. Ni praktiku nian lingvon kaj ĝuu nian kulturon! Pliajn informojn en la retpaĝaro de EASP: *www.easp.org.br/kongreso* .
Ni amase partoprenu!

## UNU PLIA RENKONTO EN LA PARAIBA VALO

En la 30h de septembro okazos unu plia renkonto de la Paraiba Valo, en la ĉarma urbo Caraguatatuba (kiu tamen ne situas ĝuste en la valo!). Dum la tuta dimanĉo oni praktikos la lingvon per prelegoj, babilado kaj amika etoso. Ĉeestos la Prezidanto de BEL, Prof-ro José Passini; la nova estraro kaptos la okazon por laborkunsidi. Belan programon kun trafaj indikoj de mapo kaj hoteloj disponigas D-ro Maurício Monken (*mmonken@uol.com.br*).

### PROGRAMA "FALA MUNDO!"

Entrevistado o Vice-Presidente da BEL no programa "Parolu mondo!", por Lucas Yassumura (RJ). Ouça pela Internet: parolumondo.com. (dois terços dos programas em Esperanto).

### PROGRAMA "BEJO-ATAŜEO" VAI CONTINUAR

Felipe Queiroz, Presidente da Juventude Esperantista Brasileira, confirma o Programa Adido Cultural da BEJO (BEJO-Ataŝeo) em 2008. Informações no sítio da BEJO:http://bejo.esperanto.org.br.

### ANUNCIADA A PRIMEIRA "BEL-CONFERÊNCIAS"

Em Lorena (SP), dias 3 e 4 de fevereiro de 2008, palestras de alto nível por eminentes esperantistas. Interessados (mínimo de 20 inscritos) devem enviar mensagem a *psviana@terra.com.br* . Será publicado um caderno com os textos das palestras

### CONGRESSO DA ASSOCIAÇÃO PAULISTA

A EASP convida para seu congresso estadual em Ribeirão Preto, em outubro 2007. Informações no sítio da entidade: *www.eap.org.br* .

### MAIS UM ENCONTRO NO VALE DO PARAÍBA

Caraguatatuba, em 30 de setembro 2007, promoverá mais um encontro da região. O Presidente da Liga estará presente. Receba o programa de *mmonken@uol.com.br* .

*SENDU VIAJN INFORMOJN EL LOKAJ KLUBOJ KAJ ASOCIOJ, POR KE NI ILIN TRANSMETU EN "BEL INFORMAS".
*BRAZILA ESPERANTO-LIGO KONSISTAS EL NI MEM, LA ESPERANTISTARO! PARTOPRENU!

BEL informas

Liga Brazileira de Esperanto

Redaktas: Paulo Sergio Viana, aŭgusto 2007

psviana@terra.com.br

## PLURAJ NOVAJ KURSOJ

Kun plezuro ni ricevis informojn pri novaj kursoj de Esperanto en la jenaj urboj:

- ✫ Todos os Santos / RJ: ĉe União Espírita Bezerra de Menezes (instruas Elmir S. Lima).
- ✫ Itaboraí / RJ : ĉe Grupo Espírita a Caminho da Luz (instruas João V. Machado).
- ✫ Niterói / RJ: ĉe Instituto Espírita Bezerra de Menezes (instruas Walter Fontes).
- ✫ Niterói / RJ: ĉe Niterói Esperanto-Klubo (instruas Hermógenes Cezar).
- ✫ Três Rios / RJ: ĉe lernejo Moacyr Padilha (instruas Jorge Linck, kiu bonvenigas salutojn al siaj gelernantoj)

Sendube niaj samideanoj en ŝtato Rio de Janeiro vigle laboras! "BEL informas" volonte disponigos informojn pri aliaj brazilaj ŝtatoj! Skribu al ni!

## IZOLULO SKRIBAS EL MANAUS

El Amazonio (Manaus) ni ricevis kortuŝan leteron de junulo:

*"Ĉi tie en Manaus, la movado preskaŭ ne komenciĝis. Estas nur mi kaj alia junulo (li baldaux iĝos BEJO-ano) kaj 4 maljunuloj. Nuntempe ni klopodas krei klason(...). Iel ajn, mi gastigas du belgojn (unu denaskulon) kaj ankoraŭ ĉi-semajne alvenos polino. Dum mia promenado kun la eksterlandanoj sur stratoj, multaj personoj interesiĝis por eklerni ("Oh! Esperanto funkcias!").*
*Mi esperas ke en la venonta kongreso mi jam povos montri rezultojn. Sed la rezultoj nur aperos post la ŝvitado, hehe.*
*Fore sed kune,*
*Rodrigo Cyrino"*

Kiu pretas iel helpi nian fervoran nordan samideanon?

## NI KOREKTU!

Al ĉiuj BEL-membroj ni petas pardonon pro misaĵoj en la julia numero de nia bulteno. La retadreso ne funkciis, pro la vasta adresado, al kiu ni devis sendi la materialon. Danke al kompetenta helpo de Alfredo Aragon (RJ), oni klopodis atingi vin ĉiujn. La ĉarman aspekton de la paĝo ni ŝuldas al la arta talento de José Tenório (SP). Enŝteliĝis ĝena eraro: ĝustaj nomoj de niaj estraranoj estas: Carlos Maria (Centra Oficejo) kaj João Osvaldo Pestana (Financoj). Ni pardonpetas. Al tiuj membroj, kiuj ne havas retadreson, ni ekspedis paperan kopion de la bulteno. Ni insiste petas, ke ĉiuj BEL-anoj aktualigu siajn (ret)adresojn. Ankaŭ estos bonvenaj kritikoj por plibonigo kaj informoj el la tuta lando.

## VÁRIOS NOVOS CURSOS DE ESPERANTO

- ✫ Todos os Santos/ RJ
- ✫ Itaboraí / RJ
- ✫ Niterói / RJ (em duas entidades)
- ✫ Três Rios / RJ (benvindas mensagens de estímulo aos alunos)

"BEL informas" de bom grado receberá notícias de outros estados! Escrevam-nos!

## ESPERANTISTA ESCREVE DE MANAUS

O jovem Rodrigo Cyrino, escreve da Amazônia, com entusiasmo e bom humor. Conta com pequeno grupo de samideanos e recebe visita de esperantistas estrangeiros. Passeando com eles, aproveita para fazer propaganda do Esperanto. Alguém poderia ajudá-lo, de algum modo?

## 3º ENCONTRO ESPERANTISTA DA BAIXADA FLUMINENSE

No Espaço Cultural Sylvio Monteiro, N. Iguaçu, 26/08/2007.

ENVIE SUAS INFORMAÇÕES SOBRE ATIVIDADES EM CLUBES E ASSOCIAÇÕES LOCAIS. O "BEL informas" AS REPASSARÁ.

## CORRIGINDO!

Graças a Alfredo Aragon (RJ), conseguimos enviar o boletim de julho. J. Tenório (SP) fez a bela diagramação. Corrigimos os nomes de dois membros da Diretoria: Carlos Maria e João Osvaldo Pestana. Desculpem!

**3-a ESPERANTISTA RENKONTO EN "BAIXADA FLUMINENSE"**